# *E*speranto-*N*umismatika *A*socio



**Esperanta Numismatiko** 2015 **Jarkolekto 2 - Numero 4**







# *E N H A V O T A B E L O*

***de oktobro 2015***



Tajpado + paĝaranĝo: Vivienne

Kunlaborintaj redaktoroj: Vi

Finredaktado: Bert

# *De ni por … ni!*

Ĉu vere indas, karaj ENA-membroj, jam retrorigardi post nur du jarkolektoj de nia ENA-revuo? Nu, kial malindus?

Vi ne miskomprenu … ENA jam ekzistas pli longe ol nur du jaroj. La ideo pri esperanto-numismatika fakgrupo venis pli frue. Antaù dek jaroj en la kluba revuo de loka belga grupo "La Hirundo" (Tienen) feletone aperis superrigardo de la tiamaj UEA-fakgrupoj, nederlandigita por flandraj komencantoj de la baza esperanto-kurso.

Revidinte tiujn informojn kaj post sencela foliumo, ni konstatis, ke inter la jam ekzistantaj fakgrupoj almenaŭ unu malplena niĉo petis plenigadon: la prinumismatika fako.

ENA tute ne celas esti klubo por kolektantoj, sed asocio por numismatoj, kiuj –laŭvole- jes aŭ ne ankaŭ kolektas. La ĉefa celo estas, kaj ĉiam estu, montri, klarigi, priskribi kaj komenti esperantajn numismatikaĵojn kaj numismatikajn projektojn kaj konceptojn. Krome, tiel kontribui – kiel helpa scienco de la prihistoria scienco – al la historio de la movado mem.

Krome, ankaŭ por nia fakgrupo indas kaj endas informi kaj (kial ne?) propagandi kaj varbi plejeble ofte. Do, de la 26a de julio ĝis la 1a de aŭgusto tion kune, frat(in)e, faris la prezidanto de ELF-Arek (Elda Dörfler) kaj la iniciatoro de ENA. Ŝultro ĉe ŝultro ni informis pri du samvaloraj helpaj sciencoj de la historio: la filatelo kaj la numismatiko. Pri tio ankaŭ raportis nia kara Elda Dörfler el Triesto (vidu en "Anoncoj kaj eventoj" kaj en "El la gazetaro").

La dua jarkolekto de "Esperanta Numismatiko" emfazis la gravan rolan de esperantistoj kiuj celis krei internacian monunuon surbaze de la spesmilo-valoro. Ni montris klopodojn, priskribis eventojn kaj ne forgesis montri kaj klarigi la numismatikaĵojn de tiu epoko.

En la tria jarkolekto la ruĝa fadeno, la ĉefa temo, estos la klopodoj de novaj generacioj estigi sistemon surbaze de nova valoro: la Stelo.

Sed, tio ne signifas ke ni silentos pri novaj faktoj kiuj venus en la lumon pri la spesmilo-epoko. Tute male!

*Dezirante al vi ĉiuj kaj al viaj gekaruloj feliĉan kaj prosperan jaron 2016, ni tamen permesas al ni, denove alvoki vin, unuopajn membrojn kaj asociojn, por ENA varbi almenaŭ unu novan membron en la venonta jaro.*

*Vi ja scias, ke ni ne varbas membrojn por plenigi la (neekzistantan!) kason aŭ por ricevi financan subtenon far diversaj instancoj. Ni do ne bezonas monon, sed novajn membrojn. Ĉiu nova membro povus veki aliajn "dormantajn" kandidatojn! Ĉiu nova kaj malnova membro estas nemalhavebla kunlaborantoj, kiuj povus diversmaniere kontribui al nia revuo kaj al niaj celoj. Ni jam nun antaŭdankas pro viaj provoj, espereble sufiĉe sukcesaj. La futuro estos nia!*

Bert

## *Statistikoj 2015*

**Ind.membroj laŭlande**

| | |
|---|---|
| Belgio | 13 |
| Ĉeĥio | 1 |
| Finnlando | 1 |
| Francio | 4 |
| Germanio | 8 |
| Hispanio | 1 |
| Hungario | 2 |
| Italio | 1 |
| Japanio | 1 |
| Kongo DR | 1 |
| Litovio | 1 |
| Nepalo | 2 |
| Nov-Zelando | 1 |
| Pollando | 3 |
| Slovakio | 1 |
| Usono | 1 |
| **Entute** | **42** |

**Asocioj, bibliotekoj, muzeoj**

| | |
|---|---|
| Aalen | DE |
| Dortmundo | DE |
| Durdevac | HR |
| Hector Hodler | NL |
| KEK Kavumu | CD |
| Kortrijk | BE |
| Madrido | ES |
| Moià | ES |
| Samarkando | UZ |
| Stoke-on-Trent | GB |
| Subirats | ES |
| Svitavy | CZ |
| Tokio | JP |
| UMEA | HU |
| Vieno | AT |

**Membra kreskado**

| | |
|---|---|
| 2012 | 2 |
| 2013 | plus 18 |
| 2014 | plus 10 |
| 2015 | plus 12 |

Nia revuo estas sendata al 42 individuaj membroj / al 15 grupoj.

Ĉu vi sukcesos varbi almenaŭ 1 novan membron en 2016?

Antaŭdankon kaj sukceson!

# *M O N E R O J & M E D A L O J*

## Tipo A 1 - Esperanto medaloj

### Portugalio 1982




Lando: Portugalio

Metalo: latuno, nigrigita surfaco

Diametro: 69 mm

Medalisto: Armindo Ribeiro Viseu

Produktoro: Gravarte, Lisbono, Rua do Bacalhao (centro)

Pezo: 130 gr

Diko: 5,50 mm

Kvanto: kelkaj cent,laŭbezone reproduktebla

### *Averso:*

Granda, zinkita stelo kun levita “E” kaj skribo: “PORTUGALA ESPERANTO-ASOCIO”
“ASS. PORTUGUESA DE ESPERANTO”

### *Reverso:*

Profunda reliefa busto de Zamenhof kun skribo:”Dro. L.L. ZAMENHOF.1859.1917”

***Rando:*** -GRAVARTE•LISBOA•PORTUGAL-

### *Rimarko:*

Ankaŭ la Portugala Esperanto-Asocio vendis (ĉu vendas?) la medalon.

## Tipo A 1 - Esperanto medaloj

### Honora medalo Nikola Aleksiev 1966







Lando: Hungario

Metalo: bronzo

Diametro: 97,00 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 550 gr

Diko: ± 8,00 mm

### *Averso:*

Ege reliefa surfaco kun tri homaj grupoj en perspektivo, alvenantaj el tri diversaj direktoj, meze, dekstre kaj maldekstre, preterirantaj al la spektanto.

Surskribo: "PRO ESPERANTO"

### *Reverso:*

Surskriboj: "HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO"
"MAGYAR ESZPERANTÒ SZÖVETSÈG"

Sube: YC (inicialoj de la medalisto, eble Tibor Csiky)

### *Rimarko 1:*

La medalo estis enmanigata al Nikola Aleksiev por honori siajn tre grandajn meritojn por la internacia movado. La enmanigo okazis dum la UK en Budapeŝto en la jaro 1966.

### *Rimarko 2:*

"PRO ESPERANTO" estas parto de la kongresa slogano: "POPOLOJ PRO ESPERANTO". Sur la medalo la vorto popoloj estas anstataŭigita de la tri grupoj da homoj.

# Nikola Aleksiev (1909-2002)

Nikola ALEKSIEV, <Nikolĉjo Bogdanov> (naskiĝis la 29-an de junio 1909; mortis la 19-an de julio 2002) estis bulgara esperantisto kaj honora membro de UEA kaj MEM. Li estis la unua eksterlandano, kiu ricevis honoran membrecon de ĈEA.

Li estis filo de malriĉa ŝuista familio. Krome estis kunfondinto kaj sekretario de Bulgara Laborista Esperanto-Asocio (fondita en 1930).

Kiel ĵurnalisto, kunorganizanta strikojn, li pasigis sep jarojn en karceroj de la tiama faŝisma Bulgario. Post la dua mondmilito li ĉefredaktoris la centran organon de bulgaraj sindikatoj Trud (1946-1952) kaj estis membro de Tutmonda Packonsilantaro.

Li apartenis al plej aktivaj esperantistoj de Bulgario. Li estis prezidanto de la Loka Kongresa Komitato de la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en 1963. De 1964 ĝis 1976 Nikola Aleksiev estis prezidanto de Bulgara Esperanto-Asocio. Li dediĉis multajn fortojn al la komunisma Mondpaca Esperantista Movado (MEM), kies prezidanto li estis. Lingvan majstrecon li pruvis en siaj tradukoj (ekz. *Apostolo de Libereco* pri bulgara nacia heroo Vasil Levski, *Mia vivo* de Trifon Ĥristovski k.a.)



Bjalistoko 2009: UK & JUBILEO

## A Pola




| | |
|---|---|
| Lando: Pollando | Kvantoj: Cu: 10.000<br>AG: 300 |
| Metaloj: latunkolora | Pezo: 13 gr |
| arĝentkolora | Diko: 1,00 mm |
| Diametro: 32,00 mm | Produktis: Mennica Kresowa (M/K) |

### *Averso:*

Meze / fone: Esperanto flago kun kvadrata eltranĉaĵo por la steleto

Meze / antaŭe: fronta silueto de la bjalistika urbodomo. Maldekstre de ĝi kaj vertikale: MET(?)

Super la flago: horizontale: 25.07.•1.08.2009
arke: "HONOROWANYCH DO 01.08.2009R"

Dekstre de la urbodomo: monersigno 

Sub la urbodomo: **10** LUDWIKÓW

Randskribo: 94.ŚWIATOWY KONGRES ESPERANTO

Sube: • BIAŁYSTOK – POLSKA •

### *Reverso:*

Dekstre: busto de Zamenhof, kapo ¼ maldekstren

Maldekstre: globo; super ĝi monfarejestra signo (M/K)

Sube: Ludwik Łazarz
Zamenhof
1859-1917

Randskribo: 150.ROCZNICA URODZIN LUDWIKA ZAMENHOFA

## B Esperanta




Lando: Pollando

Kvantoj: Cu: 10.000
AG: 300

Metaloj: latunkolora
arĝentkolora

Pezo: 13 gr

Diko: 1,00 mm

Diametro: 32,00 mm

Produktis: Mennica Kresowa (M/K)

***Averso:***

Meze / fone: Esperanto flago kun kvadrata eltranĉaĵo por la steleto

Meze / antaŭe: fronta silueto de la bjalistika urbodomo. Maldekstre de ĝi kaj vertikale: **MET**(?)

Super la flago: horizontale: 25.07.•1.08.2009
arke: “HONOROWANYCH DO 01.08.2009R”

Sub la urbodomo: **10** LUDOVIKOJ

Randskribo: 94-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Sube: • BJALISTOKO 2009 •

***Reverso:***

Dekstre: busto de Zamenhof, kapo ¼ maldekstren. Super la ŝultro: monersigno 

Maldekstre: globo; super ĝi monfarejestra signo (M/K)

Sube: LUDOVIKO LAZARO
ZAMENHOF
1859-1917

Randskribo: 150-A NASKIĜDATREVENO DE LUDOVIKO ZAMENHOF
VALIDAS ĜIS LA 1-A DE AŬGUSTO 2009

## *Rimarko 1:*

De la latuna varianto ekzistas krome medalfaradaj ekzempleroj




Kiom el la 10.000 latunaj estas moner-aŭ medalfaradaj ankoraŭ estas nekonata.

## *Rimarko 2:*

La averso estis dediĉata al la 94a Universala Kongreso en Bjalistoko; la reverso memoras la 150-an naskiĝdatrevenon de L.L.Zamenhof.

## *Rimarko 3:*

Je la unua rigardo oni havas la impreson ke la arĝentkoloraj kaj la latunkoloraj estas identaj. Detala esploro revelacas kelkajn interesajn malsimilaĵojn (unue komparu la priskribojn!)

## *Rimarko 4:*

La polalingvaj ekzempleroj apartenas al la tipo B, la esperantolingvaj al la tipo A.

## Tipo A 1 - Esperanto medaloj

AKU - TA - TE   TO 1996




Lando: Pollando

Kvanto: ± 70

Metalo: bronzo

Pezo: 288,16 gr

Diko: 6 - 7 mm

Medalisto: Szrodowy

Diametro: 82 mm (averso)
84 mm (reverso)

### *Averso:*

Busto de T.T. Todorowski. Paralele kun la dekstra ŝulto: surskribo "1996 Szrodowy"
Surskribo arkforma: TADEUSZ TEODOROWICZ-TODOROWSKI

### *Reverso:*

Meze: stelo per tri egallateraj trianguloj. Tutmeze: litero **E**.
Surskribo: KREINTO DE
AKU-TA-TE TO

Cirkla surskribo: PROFESORO ▪ ARKITEKTO ▪ ARTISTO ▪ LINGVISTO

Tute sube: ▪ POLLANDO ▪

***Rimarko 1:***

La rando de la medalo estas konika (koniko = konusa sekco = diska parto horizontala de konuso > vidu ankaŭ “diametro”)

***Rimarko 2:***

AKU(presuro) - TA(deusz) - TE(odorowicz) TO(dorowski)
Akupresuro estas kvazaŭ akunpunkturo, sed sen najletoj. Ĝi estas batado de korpo per malmola broso plasta (ne metala), kiujn ni uzas por mem lavi dorson dum la banado. Tia metodo estis elpensita de Todorowski.

***Rimarko 3:***

Inter TE kaj TO mankas streketo.

*Ni kore dankas mag. inĝ. Stanisław Mandrak el Gliwice (Pollando), kiu afable havigis al la redakcio la bildojn kaj la informojn.*

## Alvoko !

**Ni afable ripetas nian peton sendi al ni kaj bildojn kaj informojn.**

**Ĉu vi pensas ke vi sukcesos trovi almenaŭ unu membron en la rondo de viaj gekonatuloj? Bonvolu agi!**

**Ni ankoraŭ serĉas personojn kiuj NUR kvarfoje jare pretas provlegi la tekstojn antaŭ la dissendo de la revuo.**

**Ni anticipe kaj tutkore DANKAS VIN !**

# *M E D A L I S T O J*

## 4. Armindo Ribeiro Viseu (1916 - 2004)



La medalisto naskiĝis kaj mortis en la portugala urbo Viseu. Li sukcese studis en la priindustria kaj prikomerca "Lernejo D-ro Azevedo Neves". Tie estis vekata lia intereso pri arto.

Dum la tridekaj jaroj de la pasinta jarcento li emigris al Brazilio. Tiel li laboris en diversaj porartaj atelieroj por lerni la fakon de skulptisto kaj por perfektigi sian talenton.

Kiel pentristo, skulptisto kaj medalisto li adoptis la artistan nomon Armindo Viseu.

Post 17 jaroj en Alcobaça (Porlugalio), kie li laboris en keramikfarejo, li returnis al Viseu kaj tie loĝis ĝis 2004.

En diversaj lokoj en Viseu troviĝas artaĵoj faritaj de Ribeiro, kiel statuo de Francisco Sá Carneiro, tiu de Viriato, busto de José Coelho kaj statuo de sankta Mateo en la "Parish Complex St. Joseph".

Multaj el liaj medaloj troviĝas en la muzeo "Residence Queen Leonor".







*Ni kore dankas nian membron Peter Reynaers, kiu tradukis la tekston el la portugala*.

# Kiamaniere aboni Esperanto-Gazeton?

POSTKARTE. — CARTOLINA POSTALE. — CARTE POSTALE. — TARJETA POSTAL.
UNION POSTALE UNIVERSELLE.
**POSTA KARTO**
DOPISNICE.
LEVELEZŐ-LAP. — BILHETE POSTAL. — BREFKORT. — POST CARD.
BRIEFKAART. — OTKRYTOE PISMO. — PORTKAART.
CARTĂ POSTALĂ. — POCZTÓWKA. — TISKOPIS.

POŜTA MARKO

Al la Administracio de
la Filipina Esperantisto
P.O. Box 326.
Manilla
Filipinaj Insuloj.

**La Cekbanko Esperantista.** Merton Abbey, London, S.W.
No. 268.
Urbo Londono
Dato la 15an de Junio 1909

**Bonvolu transpagi** el Mia Kredito en la Konto
de la „Filipina Esperantisto"
la Sumon de ——— Du Spesmiloj
kaj metu ĝin en Mian ŝuldon.

Subskribo:

**Sciigoj:** Bonvolu enskribi min kiel abonanton de via gazeto por unu jaro komencante la 1an de Julio 1909.
45 … Rd. Streatham Hill, London S.W.

## Tuta kosto tra la Mondo: 10 centimoj.

---

Tutmonda multego de pagontoj, malmultaj pagotoj, unu transpaga centro, la

# Ĉekbanko Esperantista,

**MERTON ABBEY, LONDON, S.W.**

# Speso kiel grundo de eŭro (4)

## D Universala Spesmila Banko

La "Granda Milito" (1914-1918) grave malhelpis la internaciajn kontaktojn, paralizis la agadon de Ĉekbanko Esperantista kaj bremsis la evoluon de Esperanto.

La avantaĝon de esperantistoj povi pagi internacie kaj elkonti monon sen kurza perdo kaj sen ĝiradkostoj nuligis tiu kruelega milito. Krome, tiam oraj moneroj ne plu cirkulis kaj tiel la oran garantion de valutoj ĉiuj ŝtatoj de Eŭropo aboligis. Sekve, dum la postmilitaj jardekoj en multaj landoj kreskis inflacio.

Nur en Nederlando la valuto restis sufiĉe staliba en tiu periodo. Maljuna, sed ankoraŭ tre aktiva pioniro Dreves Uitterdijk do klopodis revivigi la spesmilan monsistemon.

En 1927, 20 jarojn post akcepto de la spesmila sistemo, li kaj Jan Hengel fondis bankon, nomata Universala Spesmila Banko, kun sidejo en Laren (Nederlando). La banko emisiigis 5 monbiletojn, de respektive: ½, 1, 2, 5 kaj 10 spesmiloj.




La mezuroj de tiuj biletoj estas 103 x 73 mm. Averse oni vidas buston de Zamenhof kaj la devizon UNU LINGVO – UNU MONDO – UNU MONO. Krome la serian numeron AA…, la valoron kaj la subskribojn. Nigra estas la preskoloro por valorindiko, numerado kaj subskriboj. La aliaj preskoloroj: ruĝa por duonspesmilo, por unu spesmilo nekonata (supozeble blua laŭ Jankowski), verda por du spesmiloj, bruna por kvin spesmiloj kaj viola por dek spesmiloj. Subskribintoj estis Dreves Uitterdijk kaj Jan Hengel. Ekzistas variantoj kun vertikala, alikolora surpreso ***Senvalora Specimeno.***




La reverso havas la saman koloron kiel la averso, sed mankas nigra koloro.Ĝi montras pacpalacon en Hago (Den Haag – Nederlando) kaj vertikale, maldekstre la surskribon: "Dek

spesmiloj egalvaloraj al 8 gramoj da oro laŭ la proporcio de 11 al 12” kaj “Ĉiuj rajtoj rezervitaj – falsado leĝe punota”.

Bedaŭrinde, malkiel “Ĉekbanko Esperantista” de Höveler, la Universala Spesmila Banko estis fiaska kaj ĉesis ekzisti post nur kelkaj jaroj.



Solena malfermo de la Pacpalaco okazis en 1913. Inter la tiamaj gastoj: Bertha von Suttner (vidu Jarkolekton 2, numeron 2, p. 7-9)






# TEA-BULTENO

18A JARO - N°127 SEPTEMBRO - OKTOBRO N. 9-10/2015

Feliĉon oni akiras, kiam tio kion oni pensas, tio kion oni diras kaj tio kion oni faras, inter si harmonias.
*Gandhi Mohandas Karamchad (1869-1948)*

Karaj Gelegantoj,

Septembras: la unuaj plantaj folioj flaviĝas kaj plumece surteriĝas. Baldaŭ nia Karsto surmetos sian belan aŭtunan veston, ornamitan per ĉiuj nuancoj de la plej varmaj ĉielarkaj koloroj: flavo, oranĝo, ruĝo. Temperaturo iĝos pli eltenebla, kio instigos nin al belaj promenadoj sur la padoj de la triesta altebenaĵo. Ne finiĝis la feriadperiodo, tial do ankaŭ dum ĉi du monatoj eblos ĝui vizitojn al kongresoj kaj renkontiĝoj, en la belaj urboj de nia mondo.

Tamen en Triesto, oni jam devas ekpensi pri laboro kaj agado por la plua disvastigo de nia lingvo. Do, tial malfermiĝos vendrede la 4an de septembro ekde la 19a horo la pordoj de la TEA-sidejo: ni atendas vin, pretajn rakonti pri viaj dumsomeraj spertoj en la Esperanto-lando, ĉar certe vi ĉeestis unu el la multnombraj aranĝoj okazintaj tra la mondo, ĉu ne?

Antaŭ ol vin aŭskulti, parolos iomete mi pri miaj travivaĵoj dum la 100a UK en Lillo!




Mia plej lasta kongreso estis tiu de 2007, en Jokohamo, Japanio. Do, tio estis antaŭ 8 jaroj. Kun neimagebla ĝojo mi pretigis valizon, stokis en ĝin librojn, donacojn, dokumentojn, filatelaĵojn, krom - kompreneble - vestaĵojn ks, por alfronti malvarman, laŭ retaj prognozoj, temperaturon.

En Lillo mi, aŭ pli bone, ni tri triestaninoj - Edvige, Barbara kaj Elda - alvenis tri tagojn antaŭ la kongresa sabato, por iomete kun ĝi konatiĝi, antaŭsciante ke kutime tio ne eblas dum la UK-semajno. Pri ĝi mi estis leginta ĉefe en turisma gvidilo, kies komentoj kaj priskriboj evidentigis ke temas pri ĉarma urbo. Fotilo dekstramane, mapo maldekstramane, gvidlibro subbrake, dorsosako surŝultre, nazo alten: ĉio ĉi klare montris al lokanoj, ke jen tute tipaj turistoj!

En la malnova urboparto, tre bone renovigita, vere ĉio ŝajnis fotinda: la arkitekturo, nekutima al miaj okuloj, estis notinda. Ĉirkaŭ la mezepoka bazarplaco, nun dediĉita al *Charles de Gaulle*, gape ni admiris la belajn palacojn. Fascinas la flandra arkitekturo, kun tiuj fasadoj el brunruĝaj brikoj, alterne kun blankaj kolonoj, abunda je ornamaĵoj, delikataj dekoraĵoj, skulptaĵoj. I.a. tre impresis min la konstru-datoj: ekde la 17a jarcento! En mia urbo tiaj mezepokaj domoj tute ne ekzistas!

Nekontesteble bela kaj eleganta estas la Malnova Borso, konstruita en 1652, kiu servis kiel renkontiĝejo por negocistoj kaj komercistoj. Ene de ĝi ĉiun posttagmezon okazas bazaro pri malnovaj libroj, ĵurnaloj kaj poŝtkartoj. Mi ne perdis la ŝancon esplori, ĉu troveblas malnova poŝtkarto pri Bulonjo-sur-maro, Esperante skribita. Bedaŭrinde mi ne povis daŭrigi la serĉadon, ĉar du triestaninoj forkondukis perforte min!

Kaj kion diri pri la preĝejoj? La plejparto estas gotikstila, ekde la komenco de la 14a jc. Elegantaj kaj severaj, ili transdonas sentojn religiemajn. Buntan helecon donas al la grizaj muroj kaj kolonoj la lumo traprenetranta tra la ĉiukoloraj vitraĵoj de la altaj fenestroj, artverkoj de famaj artistoj el la 14a-16a jarcentoj kiuj rakontas la vivon de Jesuo, de Sanktuloj, de la Di-Patrino, aŭ prezentas Bibliajn scenojn.

Okulfrapas, kiam oni vagadas tra la urbo, la du belaj kaj imponaj belfridoj. Ho, mi forgesis diri al vi ke mi lernis novan terminon en Esperanto: 'Belfrido'! Ĉu vi scias, kion ĝi signifas? Temas pri *konstruaĵo en kiu troviĝas gvatejo kun sonorilo, ofte kariljono. La vorto 'Belfrido' devenas de la malnova franca vorto "berfrei", nun "beffroi". Origine belfrido estis gardoturo por sin protekti kontraŭ malamikaj atakoj.* (el Vikipedio). La urbodoma 'belfrido' altas 104 metrojn kaj estis konstruita en 1927: ĝi belege aspektas pro sia miksita arkitekturo, tiu flandra, ruĝbrika, kaj tiu moderna, betona.

Sed nun ek al Kongres', jam temp' estă!

Jen la kongresejo *Lille Grand Palais*, tute moderna konstruaĵo troviĝanta en la kvartalo *Euralille*, je kvaronhora promenado de nia hotelo. Mi

→ sekvapaĝe

eniras kaj tuj speciala Esperanto-etoso kaptas min. Mi ne plu konas miajn kunulinojn, la okuloj kuradas de unu homo al alia, por ekvidi malnovan amik/in/on sed mi devas bremsi mian ekfreneziĝon, por pensi preni la kongresan dokumentaron.

Jen tie la vico por numeroj 2222 (mia nevino) kaj 2223: *dankon, dankon! Ĉio enordas en mia sako!* Tuja elpreno de la kongresa libro kaj fulma trafoliumado por mense prepariĝi al multnombraj prelegoj, kunvenoj, diskutoj, teatraĵoj, koncertoj, okazintaj ne nur en la kongresejo sed ankaŭ aliloke en la urbo. Jen imitinda ekzemplo de malferma kongreso!

La sabata programo komenciĝas per la Movada Foiro: iom da tumulto dum la preparlaboroj, tamen akurate je la 19ª horo ĉiuj reprezentantoj de la diversaj asocioj (entute pli ol 100!) staras malantaŭ sia tableto, sur kiu bele ordigita kuŝas alloga materialo. Ankaŭ mi tie, kiel prezidanto de ELF-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista) kune kun s-ro Bert Boon, iniciatoro de Esperanto-Numismatika Asocio, kun kiu unuafoje mi renkontiĝas. Estas bele finfine ekvidi amikon konatan nur tra retmesaĝoj. La reciproka simpatiemo, vibrinta en la dratoj de niaj komputiloj, aperis ankaŭ kiam ni estis unu fronte al la alia, kio impulsis al forta ĉirkaŭbrakumo. Perfekta fundamento por estonta kunlaborado!

Ĉu vere pasis antaŭ la tabletaro ĉiu el pli ol 2500 kongresanoj? Certe ne, sed tamen en la foirejo svarmis amaso da esperantistoj, kiuj ŝajnis esti tute interesitaj pri tiu varia mozaiko da Esperanto-kulturaj eroj. Plej probable, neniu, samkiel mi, havis tempon viziti la tie ĉeestantajn asociojn, kvankam pli malpli ĉiuj havis helpanton. Dum la 2-hora "deĵorado" estis kun mi alia esperantisto-filatelisto, kiun mi ekkonis dum la Montpeliera UK (1998): s-ro Jean Pierre Ducloyer kiu dum tiu jam fora kongreso pretigis belegan ekspozicion pri Esperanto, pere de poŝtmarkoj, stampoj, glumarkoj, kartoj ks. Konklude, fruktodona, sukcesa kaj interesa tiu Movada Foiro, nepre daŭrigenda.

Kaj nun la kulmina momento: la kongresa Malfermo! Grava novaĵo: unuafoje en la UK-historio ĝi estis samtempe sekvebla per reta elsendo, tutmonde. Kortuŝo kaptis ĉiujn kiam eniris la salonon d-ro inĝ. Louis-Christoph Zaleski-Zamenhof: li ĉi-jare festis en januaro sian 90-jariĝon. Fine de sia parolado, li diris: "... (la ĉi-jara) *Kongreso, ... por mi, la "Nepo", tamen maljunulo, eble estos la lasta kiun mi partoprenos. Tial, la taskon kaj honoron reprezenti tiuokaze la Zamenhofan familion mi transdonas al miaj filinoj, do la "Pranepinoj". ... La pli aĝa, Hanna, loĝanta en Filadelfio, postvenos min en la okcidenta terglobduono, dum la pli juna,* (d-rino Margareta), *kiun mi havas la plezuron prezenti al vi ĉi tie, faros tion oriente de Atlantiko".* Do, la torĉo estis publike tiel transdonita!

Okdek estis la landoj reprezentitaj en la 100ª UK, tial samkvanton da salutoj aŭdis la ĉeestantaro: ankaŭ tio ĉi estis rekorda!

Dum la semajno, kurado de unu salono al alia, vizito de la libroservo, oftaj haltoj por saluti, babili, amikiĝi, komenti kun novaj kaj malnovaj geamikoj, partopreno en ekskursoj al Bruges kaj al Bulonjo-sur-maro, kie ni itineris laŭ la spuroj de nia Ludoviko. Ankaŭ ĉi tio vekis en ni emocion, tamen certe emocion pli malgrandan ol tiun spertitan de Zamenhof, kiam - en tiu sama teatro kie post 110 jaroj ankaŭ ni, homoj el la 21ª jc, sidis - li antaŭ salono plena je 668 esperantistoj, ekigis sian faman paroladon:

*"Mi salutas vin, karaj samideanoj, fratoj kaj fratinoj el la granda tutmonda homa familio, kiuj kunvenis el landoj proksimaj kaj malproksimaj, el la plej diversaj regnoj de la mondo, por frate premi al si reciproke la manojn pro la nomo de granda ideo, kiu ĉiujn nin ligas. ...*

*Sankta estas por ni la hodiaŭa tago. Modesta estas nia kunveno; la mondo ekstera ne multe scias pri ĝi, kaj la vortoj, kiuj estas parolataj en nia kunveno, ne flugos telegrafe al ĉiuj urboj kaj urbetoj de la mondo; ne kunvenis regnestroj, nek ministroj, por ŝanĝi la politikan karton de la mondo, ne brilas luksaj vestoj kaj multego da imponantaj ordenoj en nia salono, ne bruas pafilegoj ĉirkaŭ la modesta domo, en kiu ni troviĝas; sed tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj, sonoj tre mallaŭtaj, ne aŭdeblaj por la orelo, sed senteblaj por ĉiu animo sentema: ĝi estas la sono de io granda, kio nun naskiĝas. Tra la aero flugas misteraj fantomoj; la okuloj ilin ne vidas, sed la animo ilin sentas; ili estas imagoj de tempo estonta, de tempo tute nova. La fantomoj flugos en la mondon, korpiĝos kaj potenciĝos, kaj niaj filoj kaj nepoj ilin vidos, ilin sentos kaj ĝuos. ..."*

Jes, kara Majstro (*kvankam vi neniam ŝatis ĉi titolon, permesu ke tiel mi nomu vin!*), viaj elkoraj vortoj ne falis en la neniejon, ili estis plu kaj plu transigitaj tra la jaroj, ili neniam perdis sian valoron, kvankam foje oni iel emis kaŝi ilin, ĉar opiniataj ne kongruaj kun la modernaj homaj vivo kaj konceptoj. Sed homo restis la sama homo, kvankam de tiu granda evento por nia tuta movado pasis pli ol jarcento: la homo ja moderniĝis, multnombrega ilaro igis lian vivon pli facila, distancoj malpliiĝis pro favoraj vojaĝebloj kaj rektaj interhomaj kontaktoj, de unu mondoparto al alia, eblas per komputiloj, saĝtelefonoj ks. Kaj sa-

sekvapaĝe

me kiel iam homoj interdiskutas kaj interdisputas, same ekzistas riĉeguloj kaj mizeruloj, ne ĉesas la militoj, eĉ pli akriĝas, etiko kaj moralo estas superfluaĵoj, rajtoj superas la devojn, tamen - mi rediras - viaj vortoj ne falis en neniejon!

Kiam ni renkontiĝas por la jara evento, por la UK, tiu via sama emocio skuas nian animon, ni kortuŝiĝas aŭskultante vian Nepon, ni fieras pri niaj eminentaj verkistoj, tradukistoj, sciencistoj k.s., ni fieras ESTI ESPERANTISTOJ kaj ankoraŭ pretas "frate premi al si reciproke la manojn pro la nomo de granda ideo, kiu ĉiujn nin ligas".

Certe ni ŝanĝiĝis, tio estas la normala evoluado, sed fine nedubindas, ke sentemo, amo, solidareco, bonvolemo, emo agadi por konstrui pli bone viveblan mondon, daŭre ardas en niaj koroj, same kiel ĉe vi, kiam je la fino de via parolado eksentis la bezonon turniĝi al iu "nekonata Forto" per la kortuŝa "Preĝo sub la verda standardo".

Kaj ne kredu, ke, kiam 2698 homoj el 80 landoj ekstaras por kanti la himnon "La Espero", ili ne havas en sia eno la samajn emociojn, la samajn pensojn kiel vi rilate al la estonteco de nia Esperanto en la realo de nia mondo! Koran dankon pro ĉio, kara Majstro!

Ĝis la 101ª UK en Nitra, Slovakio! Via Elda

## Unua kunsido de nepalaj esperantistoj post la lastaj tertremoj



Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) okazigis sian unuan kunsidon post la tertremoj, kiuj trafis tiun landon dum la lastaj monatoj.

Kelkaj membroj ne kuraĝis kunveni. Iuj eĉ ne volis iri en la kvartalon, en kiu situas la sidejo de tiu institucio.

Fine, oni decidis estigi la kunsidon en restoracio, situanta en la ĉefurbo, Kathmandu. Tie ĉiuj neeviteble parolis pri la lastaj bedaŭrindaj okazintaĵoj.

La sidejo de Nepala Esperanto-Asocio troviĝas en la kvara etaĝo de konstruaĵo, situanta en la komerca kvartalo Thamel. Laŭ informoj konigitaj de tiulandaj esperantistoj, la tiea registaro malpermesis la eniron en tiun lokon.

Lastan semajnon tamen la esperantisto Pradip Ghimire sola vizitis la sidejon de NEspA. Li rakontis, ke ŝajne la konstruaĵo staras firme, sed interne de la esperantista oficejo ĉio estas malorde. Libroj, elektronikaj aparatoj kaj aliaj havaĵoj falis surplanken post sinsekvaj seismaj skuoj, kaj li timis resti tie pli longan tempon.

Kelkaj membroj de NEspA sugestis, ke la asocio translokigu sian sidejon al propra terspaco. Ĝi situas 9 kilometrojn for de la nuna konstruaĵo.

Esperanto-Numismatika Asocio



Esperanta Numismatiko 2015 Jarkolekto 2 - Numero 3

## Gratulon al Bert BOON

**Li pasintjare iniciatis Esperanto-Numismatikan Asocion. Aliĝis al ĝi jam ĉ. 35 membroj. En junio 2015 li sendis la 3an numeron de la ret-informilo *Esperanta Numismatiko*. Ricevas ĝin senpage per reto ĉiuj membroj.**
**Aliĝo eblas per reta mesaĝo al s-ro Boon.**
**Ĉar tiu asocio posedas nek kasiston, nek kason, nek estraron, ne ekzistas asocia kotizo. Necesas tamen posedo de komputilo kun ret-konekto.**
**Laŭ mia memoro BOON estas prez. de la EK HIRUNDO en Tienen, Belgio.**



**LYON 1911: Medalo por d-ro Henri DOR**
**i.a. kun enskribo**
**TUTMONDA ESPERANTA KURACISTA ASOCIO**

**(D-ro Dor estis 1906-1912 prezidanto de TEKA**
**antaŭulo de la nuna UMEA)**













El "LA VERDA LUPEO" Aŭgusto 2015 (47a jaro) N-ro 169 (sendis nia membro Elda Dörfler)

## *R E T P O Ŝ T O*

de vi por ni!

# Reagoj kaj konversacioj

01.07. 2015 17:46

Saluton!
Mi ŝatus ricevi rete la numerojn .
Elkore s-ino Adrienne Pásztor, D+FD de UEA en Miskolc, Hungarujo

01.07.2015 20:58

Estimata sinjorino Pasztor, Kara samideanino,

Kun ĝojo ni bonvenigas vin kiel novan membron de ENA. Vi estas nia 39a membro!

Ni kunsendas (vidu aldone) la jam sep aperintajn numerojn. Evidente vi ankaŭ ricevos la novajn numerojn (la venonta: oktobro 2015).

Ni esperas ke vi ne nur legos kaj studos la revuojn, sed ankaŭ kunlaboros se eble.

Altestime kaj amike,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA

01.07.2015 21:48

Saluton Bert Boon, kara samideano!

Mi neniam okupiĝis pri numizmatiko, vere ne konas tiun teritorion, sed interesas min la historio, do ankaŭ la historio de la eldonitaj diversaj monoj. Mi ellegos la numerojn de via revuo. Poste mi pripensos, kiel helpi vin eble. Permesu demandon: se via nomo estas Bert Boon, kion signifas la nomo Tudts?
Mia persona nomo esas Adrienne, sed mallongigite mi uzas tion en Esperantujo inter geamikoj, gekonatoj, gekorespondantoj.
Dankojn pro la ebleco.
Elkore s-ino Adri Pásztor

04.07.2015 18:47

Saluton Sinjorino Pasztor,

Dankon pro via respondo. Mi pardonpetas pro la prokrasto de la mia.

Plaĉas al mi, ke vi intencas pripensi kiel helpi la asocion. Ĉefe aktivaj membroj kreskigas novan fakgrupon, ĉu?

La nomo Tudts estas la familia nomo de mia edzino. Ambaŭ niaj nomoj troviĝas en la reta adreso!

Amike kaj samideane,

Bert Boon,
Iniciatoro de ENA

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

01.07.2015   22:19

Kara sinjoro Boon,

koran dankon pro la nova eldono de la numismatika revuo, kiu ege plaĉas al mi! Tre interesa estas la ĉapitro pri la UMEA-medaloj. Tre bone! Kun via permeso mi plusendos la revuon al la membroj de la UMEA. Ĉu vi intertempe ricevis sufiĉe altkvalitan foton de la ora „Stelo“ el Hago?

Kun koraj salutoj,

D-ro Christoph Klawe

Prezidanto
Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA)

02.07.2015   11:09

Kara doktoro Klawe,

Dankon pro via pozitiva reago kaj pro via helpo!

Mi ĝojas ke la "ĉapitro" pri UMEA plaĉas al vi. Vi tute ne bezonas mian permeson por dissendi la revuon. Male, mi dankas vin pro via iniciativo! Sen la helpo de diversaj UMEA-membroj mi ne kapablus verki ĝin tiel.

Mi kelkfoje havis kontakton kun sinjoro Bosboom, kiu promesis al mi farigi fotojn, sed jam dum kelkaj semajnoj mi ne plu ricevis vivsignon, nur peton aĉeti kelkajn 1- stelo-monerojn ( mi jam havas du kompletajn seriojn!). Mi, ĝis nun vane, responde proponis senpage publikigi en nia revuo anoncon pri numismatikaĵoj kiujn IEI volas vendi...

Se vi (kaj mi tute ne insistas!) ŝatus ricevi la jam aperintajn numerojn kaj ĉiun novan numeron de ENA-revuo, mi volonte aldonus vian nomon al la listo de la aktuale 39 membroj.

Amike kaj samideane,

Bert Boon

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

03.07.2015 4:23 PM

He-he,
tio estis grandega hazardo, Bert, ĉar mi kutime venas al reto ege sporade, maksimume unufojn dum semajno... Intertempe mi ankaŭ kontrolis, ĉu mi havas ĉiujn numismatikajn bultenojn, kaj ŝajnas, ke jes...
Kutime mi tre rapide foliumas ilin, sed esperas, ke vintre trovos la tempon por pli profunde legi ilin, mi ja konstatis, ke estas en ili multaj interesaj informoj, kiujn mi aliel tute ne atingus... Do, dankon, ke mi rajtas esti inter la legantaro (kaj anaro).
Amike, el eĉ pli varma Jhilina - ĝis merkredo la temperaturoj ĉe ni atingu 37 gradojn... ni devos komenci ferii ĉe Norda Poluso...
Amike, korsalutante
Fejfi

04.07.2015 18:09

Tute ne dankinde! Mi dankas **vin** pro viaj pozitivaj vortoj koncerne la revuon. Mi ankaŭ ĝojas ke vi ricevis ĉiujn numerojn kaj deziras al vi agrablan legadon dum la longaj vintraj tagoj en Jhilina.

Plaĉas al mi, regule ricevi vivsignon de vi kaj mesaĝojn, ekzemple pri nova(j) membro(j )el Slovakio. Eĉ unu novul(in)o estus bona novaĵo! Ĉu vi provos? Dankon!

Mi deziras al vi tre agrablajn feriojn!

Amike via,

Bert

05.07.2015 22:16

Kara Bert,

volonte mi informus la slovakojn pri via numizmatika agado. Sed por ke mi ne devu mem verki ion konvenan, ĉu mi povas peti vin, ke vi sendu al mi kelkajn liniojn, kiujn mi poste sendus al la dissendolistoj de SKEJ kaj SKEF? Vi ŝparus al mi cerbumadon kaj eventualajn verkitajn misinformojn... Antaudankon!

Kun regula vivsignado estas problemo, ĉar mia spino ne permesas al mi troan sidadon, krome mi ne retumas hejme (krom ekz. ĉi escepta ekzemplo), ĉar hejme mi havas ege malfortan konekton, kiun mi uzas precipe por interretaj pagadoj. Kutime mi retumas posttagmeze el la biblioteko, kaj tie mi devas ĉesi ĝis la 18a (somere ĝis la 17a), kio permesas al mi rapide foliumi la mesaĝojn kaj solvi necesajn farendaĵojn sur la rapida biblioteka komputilo.

Tamen mi klopodos almenau pli longe respondadi viajn mesaĝojn kun la bulteno.

(…)

Vi certe veturos al la UK - ja Francio estas proksima al Belgio, do por vi oportuna veturado, ĉu ne?

Amike, korsalutante
Fejfi (Magdaléna :-)

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

03.07.2015 10:12 AM

Tre etimata s-to Bert Boon,
kun granda intereso mi legis vian revuon. Mi mencias al vi, ke UMEA eldonis ankaŭ insignojn. Mi konas tri diversajn, ili estis faritaj el metalo. Al la dua oni aldonis surskribon: LANDA DELEGITO. Pli fue UMEA havis landajn delegitojn en diversaj landoj. Al la tria insigno oni aldonis etan parton de laŭrkrono. Ĉi tiun ricevis plejparte tiuj membroj, kiuj jam delonge aktivis en la movado.
Fotojn kaj aliajn detalojn - mi proponas - bonvolu peti de prof. d-ro W. Opoka.
Kore salutas vin:
D-ro Imre Ferenczy
Honora prezidanto de UMEA

04.07.2015 18:37
Tre estimata sinjoro honora prezidanto,

Lasu min unuavice danki vin pro viaj pozitivaj vortoj koncerne la ENA-revuon! Tiaj reagoj ĉiam inspiras al nova laboro!

Viaj informoj pri UMEA-insignojn estas ege interesaj, sed mi ankoraŭ ne scias, ĉu la nuntempaj insignoj povas esti konsiderataj kiel aspekto de numismatiko. Tamen la unuaj insignoj sendube estis inspirataj de medaloj kaj ordenoj. Kion mi certe iam faros, estas verki artikolon pri la origino de insignoj, ankaŭ en Esperantujo

Krei novan rubrikon tiuteman tamen ne estos simple, ĉar esperantaj insignoj estas ankoraŭ pli abundaj ol medaloj kaj apenaŭ konataj al mi, tial mi certe bezonus helpon de diversaj esperantistaj kolektantoj. Do certe bona ideo serĉi tiajn fakulojn estoncece!

Mi ege dankas vin pro via sciigo kaj ĝustatempe mi kontaktos profesoron-doktoron W.Opoka.

Altestime kaj samideane,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

5.07.2015 19:10

Dankon pro la sendo de la revuo. Bedaŭrinde, pro multaj aliaj taskoj mankas la tempo por zorge legi kaj konservi la numerojn.

Ĉar la revuo inter alie temas pri medaloj, jen informo kiun mi trovis en

libreto pri 'Meritplenaj Medicinistoj en Belgio':

En 1954 Belga Esperanto-Ligo donis oran medalon al Paul Kempeneers (https://eo.wikipedia.org/wiki/Paul_Kempeneers, mi ankoraŭ serĉas naskiĝdaton kaj -lokon kaj aliajn biografiajn informojn). Ĉu ora medalo de BEF jam estas menciita en ENA? Pli da informoj verŝajne troveblas en Belga Esperanto (konsulteble en la sekcio 'Revuoj' je http://1drv.ms/12l2az9).

En la Fondaĵo Vanbiervliet en Kortrijk certe ankaŭ estas iuj medaloj, sed ĝis nun mi ne esploris.

En revuo el 1933 kiun mi ĵus trovis estas menciita 'arĝenta spesmilo de Sro de Saussure'. Ĉu konata?

Roland

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

08.07.2015 7:26

Dankon por via sendaĵo! Ĝi havas interesan temon, kaj ĝeneralan kaj por medicistoj, apotekistoj.
Samideanan saluton,
Stefano Budaházy( Oradea - Rumnaio)

08.07.2015 22:12

Estimata sinjoro Budahazy,

Dankon pro via afabla kaj pozitiva reago!

Nia intenco vere estas liveri altnivelan, plaĉigan revuon. Min multe inspiras kaj instigas ankaŭ la entuziasmo de gedoktoroj Molnar-Farkas. Ankaŭ tiu subteno klarigas la agrablan prezenton de pormedicinistaj medaloj. Mi krome ne dubas, ke aliaj medaloj tiaj iam denove venos en la lumon!

Viaj reagoj, rimarkoj ktp estos ĉiam bonvenaj. Dankon!

Amike kaj samideane,

Bert Boon
iniciatoro de ENA

☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆ ☆

07.08.2015 3:58

Kara s-ro,

Mi volas membriĝi al E-Numismatika Asocio.

HORI Jasuo (s-ro)
371-0825 Japanio, Gunma, Maebasi, Ootone 2-13-3

09.08.2015 15:54

Tre estimata sinjoro HORI, kara samideano Jasuo,

Kun multe da ĝojo mi bonvenigas vin kiel 40-a membron de Esperanto- Numismatika Asocio". Krome vi estas la unua individua membro el Japanio. Mi gratulas!

Baldaù vi ricevos perrete la jam aperintajn numerojn de la revuo (entute 7) kaj je la fino de oktobro la 4an numeron de la 2a jarkolekto (2015) ktp. Kiel mi jam klarigis en Lillo, la membreco estas dumviva (se vi volas) kaj ambaŭ -la aliĝo kaj la revuo- tute senpagaj!

Mi jam deziras al vi agrablan legadon. Post kelkaj tagoj vi ricevos la sendaĵon.

Kun amikaj salutoj,

BOON Bert
iniciatoro de ENA

12.08.2015 1:09

Kara Bert, dankon pro mia membriĝo. Mi bonorde ricevis viajn revuojn.

Mi havas du kialojn por membriĝo:
1. Mi mem kolektis 96 monerojn de eŭro en 2003, kiam oni komencis eŭro-sistemon en Eŭropo. Kaj per tiuj kolektaĵoj kaj aliaj materialoj mi faris ekspoziciaĵon kaj kalendaron. Nun mi havas iom da volo pli kolekti eŭro-monerojn de aliaj landoj, kiuj poste aliis al EŬ.

2. Unu el miaj amikoj kolektas monerojn kaj kiam mi vojaĝas eksterlanden, mi nepre serĉas monerojn por li, do ankaŭ mi ekhavis intereson pri moneroj.

Mi estas 73-jara, eksa instruisto de la angla lingvo. Mi nun vivas nur por Esperanto.

HORI Jasuo (s-ro)
371-0825 Japanio, Gunma, Maebasi, Ootone 2-13-3



12.10.2015 13:05

Estimata, atente ni kiel kutime legadis vian artikolon, kune kun la kek-anoj.Tio vere multege ĝojigis nin kaj povis multe detale diskuti kiamaniere plibonigi nian movadon.
Feliĉe , ĉio ja estas en ordo ĉe KEK.

Pardonu , ke ni tuj ne respondis al vi, tio pro tio, ke ĉitempe , ni ĉiuj kune iradas en la kampoj por labori kaj perlabori la monon, kiu mono permesas al ni aĉeti kretojn, trikostofojn, futbalon, monon por retumi ktp.

Amike, mana

12.10.2015 14:30.

Kara Mana,

Dankon pro via vivsigno. Ni ĝojas ke KEK estas tute en ordo kaj havas fruktodonan laboron por partopreni en la retumado de nia movado. Ni esperas, ke la revuo helpas vin ankaŭ rikolti ideojn kiel bazo de paroladoj kaj diskutoj, kiuj eble pliriĉigos vian konon de la lingvo kaj de la esperanta movado.

Se vi volas kontribui al nia revuo, ĉiuj artikoloj, ekzemple pri la uzo de la revuo en via rondo, estas bonvenaj por ENA.

Fine mi jam povas anonci la kvaran numeron de la dua jarkolekto, kiun vi ricevos je la fino de oktobro.

Amike kaj samideane,

Bert

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆




100ª Universala Kongreso de Esperanto
Lillo, 25 julio–1 aŭgusto 2015














# *B I T O T E K O*

Se vi hazarde aŭ akcidente forviŝis kompletan numeron de "Esperanta Numismatiko", vi tutsimple serĉu en Google por retrovi la kompletajn jarkolektojn de nia revuo.

Agu tiel:

**Google**

Skribu en Google: **bitoteko.esperanto.es:8080/jspui/handle/11013/7**

Klaku: **Bitoteko - Federación Española de Esperanto**



Vi ricevos: **Bonvenon al Bitoteko!**

**Jen la bitoteko de Hispana Esperanto-Federacio**

**Gazetoteko · Hemeroteca Ĉefpaĝo de la sekcio**

Iru suben kaj trovu**: Kolektoj en ĉi sekcio**

Pli suben al:



**Esperanta numismatiko [2014- ]**

**Organo de Esperanto Numismatika Asocio**


Ana Manero
Biblioteko Juan Régulo Pérez
www.esperanto.es/biblioteko
biblioteko@esperanto.es


Ni tutkore dankas Ana Manero-n pro ŝia iniciativo.